# PENSEO

N-ro 281

marto / 2015

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 26-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinujo)



### nek viando, nek fiŝo

la koro de dek ok jaroj
tikliĝas en la korpo duoncenta.
nek fiŝo nek viando sur ekrano povas min
satigi.
suĉi sukon de la luno volas la sendenta.

2012.11.10.

### la lasta kliŝo nigra-blanka

birdoj tuje ekstermotaj svarmis sur kaj super
lago
en vilaĝo fora, jame forgesita.
mi tiun okazon devis fotografi,
okupis sed la filmon lastan nur junino en
memoro.



2012.11.11

### 11.11 – la gefraŭla tago

sidante kiel Lo en la ĉelo senspura,
fraŭlo spektas programeron svatan.
pulsas juneco sur la ekrano kaj en la kapo.
kvin fingroj ekimpulsas; sorĉistino kvar
fortranĉas.

2012.11.11.

### leciono pri simplaj rimoj

ŝi afektas doni al li ĉiujn amojn;
li bezonas nur la mamojn.
li ŝajnigas ŝin delekti per la koro;
ŝi orgasmas nur pro oro.



2012.11.12.

## Mori (Usono)



### SALUTON AL DIO, KIU ESTAS PROKSIME

Saluton al Dio
en l' flugiloj de l' bridoj
en l' aero,
kaj en la koro de l' arbo-semoj
en la tero,
ANONIME,

saluton al Dio,
kun kiu, kiel fiŝ' kaj akvo,
oni rilatas
INTIME,

saluton al Dio,
kun kiu, kiel papilio,

infanoj ludas
SENTIME,

saluton al Dio
NE tiu gigantulo en granda
kastelo,
en la fora ĉielo,
kun paradiz’ kaj infero,
sed tiu en ĉies koro,
ANIME,

saluton al Dio,
kiu ŝanĝeblas kun l’ “VIVO” ,
SINONIME,

saluton al Dio,
kiu ĉie kaj ĉiam,
troviĝas tuj
PROKSIME!
***
Jes, saluton al Dio, kiu estas proksime!



12/15/2014

## Forpaso de amo

El la tegmento de Am-ĉielo
elfalis stelo pasintnokte !
Dum homoj indiferente ĉasadis siajn
interesojn sur la stratoj
En obskura angulo de preĝeja kelo
Ermito funebris la morton de amo
apude, kandelo flamanta
silente larmis!



## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



## Porcelano

Mi moviĝas en la kuirejo,
mia nedaŭra spaco:
provizora ĝarden’.

Terece, vidi mi ŝatas
l’akvon, kiu eskapas
el la krano de l’ lavujo:
en dolĉa geometrio.

Miaj manoj el ŝaŭm’
revas porcelanajn
karesojn sur taso:

Unuflugila Ikar’,
en ĉi posttagmezo,
kiu amore insistas ĝui
la kanton de l’ turdoj.



Juiz de Fora, 15/11/2014

## Signoj

*Al L.L. Zamenhof*

Je l’ vojmezo de l’ urbaj ĝangaloj
l’ anim’ de l’ mond’ vagadas
baraktante tra bruega lum’.

Kvankam l’ arbareg’ ne obskuras,
ĝi vojiradas blinde
laŭ riveroj el fantomoj hidaj:

Perfort’ regas, ĉifonas moral’;

Senkapigojn barbarajn
oni spektas per televidilo.

Ho Di'! Kien la homaro iras?
Ĉu l' mondanim' fiaskis?
— Ne! — krias idealo:
L' espero pacience obstinas...

Juiz de Fora. 08/12/2014

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### VORTOLUKTO ŜMACBRUAS

Ankoraŭfoje uzdifektita argumento
Aperis rande de ostokreviga lukto:
Min erarigis lango trompista de l' Serpento.
El Arb' ne scion gustumis mi, sed servuton.

Moralprincip' unua, diablo-dia tento.
Salivon kreis la ruĝebrilanta frukto.
Embri' duopa, batal' en uter', disputo.
Erar' idaron tuŝos jam pere de placento.

Atendo senmovigis vertebraron
Kaj poste ĝin krakigis per unu fojo.
La lukto konsistigas malkontrolon.

Delonge deflankiĝas destin', fatalo,
De pacamanta ordo, de orda paco.
Sur vitro katedrala, biblia ŝmaco.

### RIBELA IDO

La Terpatrino dum akuŝdoloro
Ion antaŭsentis kun rezigno:
Progres' kontraŭa al Natura volo
Nur malbonon kreas, ne la dignon.

Eliros trafe al la sino, koro,
La rustita spado el la ingo.
Ŝi ploros perdon de patrina rolo
Kvazaŭ tranĉis ankaŭ ŝin la klingo.

Vana provo teni ĝin en paco.
Bedaŭr' en daŭra kontraŭflua vojo.
Ĉu pentri belon sur statu' el vakso?

Flugi ĉirkaŭ ĉiamvolva akso.
De l' Infer', sidiĝ' en pordosojlo.
Ripeti peton: utopia paco.

## Cezaro (Germanujo)



### Verda stelo, nia stelo

**(por la nevenkebla duopo Ed & Pris)**




*desegnaĵon de Eder Benedetti*

Verda stelo, verda stelo,
lumu ĉiam kaj kun helo!
Lumu do en mornaj tagoj.
Lumu kontraŭ ĉiuj plagoj!

Verda stelo, hela stelo,
brilu por enmonda belo.
Brilu al amikoj niaj.
Brilu al la verebriaj.

Verda stelo, bela stelo.
Lumu do en la ĉielo.
Lumu al ni sur la tero.
Lumu plu eĉ en infero.

Verda stelo, nia stelo,
brilu hele kiel velo.

Brilu, se vin stult' disrompas,
ĉar vi nin neniam trompas.

Verda stelo, hela stelo,
lumu voje kaj sur relo.
Lumu eĉ post mur' aŭ vando,
lumu do en ĉiu lando.

Verda stelo, verda stelo,
estu nia voj' kaj celo.
Brilu en plej eta rondo,
Brilu por la tuta mondo!

## Dancu, dancu, karulino!




*desegnaĵon de Eder Benedetti*

Dancu! Dancu, karulino!
Dancu longe kaj sen fino,
ĉar dancado serenigas
kaj la amon tre instigas.

Dancu! Dancu kun plezuro,
ĝis karesos vin femuro,
ĝis la zorgoj ekforiĝos
kaj vi mem pro ĝoj' ekkriĉos.

Dancu, dancu kun lascivo,
dancu ĉaste tra la vivo.
Se vi viajn koksojn svingos,
vi neeblon eĉ atingos.

Dancu gaje kun plezuro
vian tangon por futuro.
Dancu valson en la nuno
aŭ eĉ sambon sub la luno.

Dancu! Dancu, karulino,
ĝis la lasta danc' ĉe l' fino,
ĝis la lasta not' elsonos
kaj vin polican' admonos.

Dancu plu eĉ, karulino,
kun la Morto sur la sino,
ĝis Li preni vin forgesos,
pluajn jarojn eĉ promesos.

Dancu plu en la ĉielo
aŭ infere en malhelo.
Dancu ĝis diabloj ridos
kaj la dioj al vi fidos.

Dancu, dancu, karulino,
dancu longe kaj sen fino,
ĉar dancado serenigas
kaj la amon tre instigas.

### Ŭel Roŝa (Brazilo)






Legi aŭ ne legi.
Diri aŭ ne diri.
La afer'...
Gregi aŭ ne gregi.
Iri aŭ ne iri.
Ve infer'!

Danki aŭ ne danki.
Rideti aŭ ridi.
Giras ter'...
Flanki aŭ ne flanki.
Varmiĝi aŭ fridi.
Senesper'!

Laŭ la vivovojo

kiel mi do iras?
Ho ve...
Kun bru’. Kiel rojo.
Ĉu mi do deliras?
Jes. Ne.

Lumas ĉio kaj tenebras.
Fojklaras. Fojfunebras.

Tenebras. Klaras.
Dolĉas. Amaras.
La barko de poezi'
min prenis ĝis tie ĉi...

Jen
kun
sen
sun':

mi.

## Fenestroj

Foj-okazas ĉe mia fenestro
preterpasi alitagaj,
tamen neniel svagaj,
pensoj, rigardoj miaj,
mi invitas la bonajn, kaj tiaj
envenas, bilde, sonbonfaraj,
( Estu mia dezircel’ vi karaj! )
Kaj aeren fine ili iras, sagaj!

## Siv Burell (Svedujo)



## Utopio

Dormu, dormu, amiket’
jen venkinta post tempet’
tuta mondo ŝanĝis.
For estas militem’
for tromp’ kaj intrigem’
kaj lingvouz’ tutŝanĝis.

Fremda certe ne la sent’
en iu land’ en mondo
alparol’ amika tent’
al sama lingva fonto.
Foriĝas do la ni kaj vi
ni ĉiuj estos ni
kaj veras nia utopi’.



*Pentraĵo de la aŭtorino*

**La franca Esperanto-Kulturdomo en kastelo**

Greziljono invitas vin al interesaj semajnoj dum ĉiuj sezonoj, kun E-kursoj kaj aliaj aktivaĵoj:

2015-apr-03/08: Renkontiĝo de Interkant’ kaj kunkantado kun La Kompanoj - gresillon.org/spip.php?article140

2015-apr-17/25: PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kun Zs. Korody, Ch. Chazarein, M. Quenut - gresillon.org/printempas

2015-apr-25/26: PRINTEMPaS, internaciaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1) - gresillon.org/printempas

2015-jul-20/25: Reĝaj ekskursoj, UK-antaŭkongreso - gresillon.org/s2

2015-aŭg-01/08: Lingva semajno, Lingvofestivaleto, tuj post UK - gresillon.org/s3

2015-aŭg-08/16: Festa Semajno por infanoj kaj familioj - gresillon.org/s4

2015-oktobro-17/25: AŬTUNE, lingva seminario kun Christian Rivière k.a.

Jara agendo/kalendaro en gresillon.org/agendo

## Zhuangzi (369-286 a.K)



## Zhuangzi

## ĈAPITRO DUA

# La egaleco de ĉiuj estaĵoj

### §02-05

La parolo estas pli ol la blovado de ventoj. Ĝi celas ion diri. Sed tio, kion ĝi celas diri, ne estas nepre konstatebla. Ĉu vere troviĝas io prudenta en la parolo? Ĉu vere troviĝas nenio prudenta en la parolo? Oni konsideras la parolon diferenca de la pepado de birdidoj. Sed ĉu ekzistas ia diferenco inter ili, aŭ ĉu ekzistas nenia tia diferenco?

Kiel do la Taŭo estas tiel obskurigita, ke ekzistas diferenco inter la vera kaj la falsa? Kiel do la parolo estas tiel obskurigita, ke ekzistas diferenco inter la prava kaj la malprava? Kie la Taŭo ne sin prezentas? Kie la parolo ekzistas kaj tamen ŝajnas neakceptebla?

La Taŭo estas obskurigita de partieco. La parolo estas obskurigita de belaj vortoj. Jen kial okazas la disputoj inter la konfuceanoj kaj la mozistoj — ĉiu el la du skoloj jesigas kion la alia neas, kaj neas kion la alia jesigas. Se ni intencas jesigi kion la du skoloj neas, kaj nei kion la du jesigas, tiam estos por ni nenio pli bona, ol uzi la lumojn de la racio por la vero.

### §02-06

Ĉiu afero en la mondo estas sia "tio" (alio de alia afero); ĉiu afero en la mondo estas sia "ĉi tio". Kio ne estas vidata el "tio", estas vidata el "ĉi tio". Kaj tial oni diras: la "tio" estas la kaŭzo de la "ĉi tio", kaj inverse. Kiam estas la ebleco, tiam estas ankaŭ la neebleco, kaj inverse. Kie estas la rekono al la pravo, tie devas esti ankaŭ la rekono al la malpravo; kie estas la rekono al la malpravo, tie devas esti ankaŭ la rekono al la pravo. Kaj tial, anstataŭ sekvi tiun ĉi vojon, la saĝulo rigardas la aferojn el la vidpunkto de la naturo, t.e. vidi la aferojn tiaj, kiaj ili estas.

La "ĉi tio" estas ankaŭ "tio", kaj la "tio" estas ankaŭ "ĉi tio". La "tio" havas sistemon de pravo kaj malpravo. Ankaŭ la "ĉi tio" havas sistemon de pravo kaj malpravo. Ĉu do vere ekzistas ia diferenco inter "tio" kaj "ĉi tio"? Aŭ ĉu do vere ekzistas nenia diferenco inter "tio" kaj "ĉi tio"? Ne distingi "tion" kaj "ĉi tion" kiel rektajn kontraŭojn estas la esenco de la Taŭo. Ĝuste tiu ĉi esenco, kiu estas kvazaŭ akso, estas la centro de la cirklo respondanta al la senfinaj ŝanĝiĝoj. La pravo estas senfina ŝanĝiĝo. Ankaŭ la malpravo estas tia. Jen kial oni diras, ke estas nenio pli bona, ol uzi la lumojn de la racio por la vero.

### §02-07

Uzi dikfingron por montri, ke ĝi ne estas fingro, ne estas tiel trafe kiel uzi ion alian ol dikfingro por montri, ke ĝi ne estas fingro. Uzi blankan ĉevalon por montri, ke ĝi ne estas ĉevalo, ne estas tiel trafe kiel uzi ion alian ol blanka ĉevalo por montri, ke ĝi ne estas ĉevalo. La universo estas "fingro"; la ĉio en la mondo estas "ĉevalo".

Io estas aprobita, ĉar oni tion aprobas; io estas malaprobita, ĉar oni tion malaprobas. Vojo formiĝas tiam, kiam homoj paŝadas. Objekto ricevas nomon tiam, kiam oni ĝin nomas. Kial ili estas tiaj? Ĉar tiaj ili mem estas. Kial ili ne estas tiaj? Ĉar tiaj ili mem ne estas. Ĉiu io estas, kia ĝi estas, kaj estas taŭga por io. Ekzistas neniu io, kiu ne estus ia, nek estus taŭga por io.

Tial la herbotigo kaj la kolono estas identaj. Tiaj estas ankaŭ la belulino kaj la malbelulino, kaj ĉiaspecaj strangaĵoj. La disigo estas la sama, kiel la konstruo. La konstruo estas la sama, kiel la detruo. Tial por ĉiuj estaĵoj ekzistas nek konstruo, nek detruo, — ekzistas ĉiam la interŝanĝebleco kaj la origina unueco.

Nur la vere saĝa homo komprenas la unuecon de la estaĵoj, tial li, anstataŭ fari la distingojn, sekvas ilian komunan naturon. Sekvi la komunan naturon de la estaĵoj kaj tamen ne scii la kialon — jen la Taŭo.

§02-08

Eluzi siajn spiriton kaj inteligentecon por serĉi la unuecon de la estaĵoj, ne sciante, ke ili propre estas identaj, estas nomata “tri en la mateno”. Kion do signifas “tri en la mateno”?

Iam vivis iu simiobredanto, kiu nutris la simiojn per glanoj. Kiam foje li diris al la simioj, ke li donos al ili tri *ŝeng*-ojn da glanoj kiel nutraĵon matene kaj kvar *ŝeng*-ojn vespere, ĉiuj simioj koleriĝis pro lia aranĝo. Sed kiam la bredanto diris, ke li donos kvar *ŝeng*-ojn matene kaj tri vespere, ĉiuj simioj ĝojiĝis pro lia aranĝo.

La efektiva nombro de glanoj restis la sama, sed la du aranĝoj provokis malsamajn emociojn: la unua koleron kaj la dua ĝojon. Tiele la bredanto agis laŭ la cirkonstanco.

Kaj tial la saĝulo harmoniigas la sistemojn de pravo kaj malpravo, kaj ripozas en la evoluado de la naturo. Tio ĉi estas nomata samtempa sekvado de du vojoj.



*elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinujo)**

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## La serpento kun piedoj

*ĉina antikva fablo*

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Antikve
mastro sincere
por danke rekompenci
siajn homojn ofere
donacis vere

al ili
botelon da vin’,
sed ĝi ja ne sufiĉis
por drinko de ili kvin
je ties deprim’.

El ili
deklaris unu:
“Ni konkursu per pentrad’.
Ni pentru serpenton, nu,
ek, ne staru plu.

Tiu ja
rajtos plenĝue
drinki l’ tutan botelon,
kiu finos plej frue
ĝin jen senbrue!”

Ekpentris
ili surtere
per branĉo kiel penik’.
rapide unu vere
finis fiere.

Tujtuje

botelon li prenis,
sed li ne pretis drinki,
ĉar oni branĉon tenis
kaj pentri penis.

Li pensis:
estas plibone
fari serpenton bela
per piedoj aldone
al ĝi impone.

Alpentris
piedojn al ĝi
li lante kun memfido.
Tiam forkaptis de li
ja botelon ĉi



alia
kiu pentris jam,
kaj anoncis: "Mi gajnis,
ĉar la lia ŝajnas ĉam',
ne serpent' en sam'.

Al serpent'
piedoj mankas.
Ne ekzistas serpento
kun piedoj, mi dankas,
for vi flankas."

Dirinte
tion rapide,
li jen eltrinkis vinon
nek honte nek timide
sed ĝoje ride.

La homo,
kiu l' unua
finpentris la serpenton,
stultis kun voĉ' senbrua
kun kapo skua.

*2015-02-18*

## Jadranka Miric (Serbujo)



# Esperanto-tago

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Espero
jes, tute certa.
La afer' marŝas bote
de sepmejloj per lerta,
mesaĝo sperta.

Instrui
alpaŝi rekte
al lingva edukado.
Do, ekagu afekte
sed tre korekte.

Senfina
lukto. Praktika
lingvo uzado. Eblec'
por harmonio psika.
Studo efika.

Mirinda
estas Esperant'.
Ĝia internaciec'
Lingva paco batalant'
Nia flama kant'…

Ĝi semas
amon fratece
kontraŭ Apokalipso.
Ni agu bonintence
kaj amikece.



## Lily (Ĉinujo)

# Sopire al mia amato

*okaze de Valentena Tago 2015*

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Al amat'
mia intima
mi sopiras ĉihore,
freneze ventanima
kun sent' deprima.

Li perdis
ampovon nun jam
pro aŭta akcidento
kvazaŭ mortinta dinam'
sen ardanta flam'.

En memor'
mia lastjare
en ĉi tag' ni amludis
enlite temerare,
familiare.

Murmure
sur korpo mia
li diris: "Mi ja volas."
Li ekagis pasia
kun ĝemo kria.

Li lekis
kaj kisadis min
de supraj korpopartoj
manie kun kapoklin'
ĝis mia vagin'.

Mi ĝemis
tordiĝe forte
sub lia premo peza
mi movis min risorte
ĝuis komforte.

Post amor'
li kun ĝojoplen'
diris: "Donacon al vi
dum Tago de Valenten'."
Jen lia fest-ben'.

Sed nune
mi nur kompate
karesas lin moroze
jen kun larmoj private
gutantaj ade.



2015-2-14

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Viktoro (Ĉinujo)

# Umefloroj sur monto

—la ĉinesko Deskses-Silabo*

Vent'
blovegas el firmament'
severe
per frosta turment'.

Jam
ekestas neĝ-panoram'
la tero
sub blanka tatam'.

Sed
umefloroj ja sen ced'
rezistas
kontraŭ gel-obsced'.

Ĉi-
sezone kun energi'

disfloras
ili per magi'.

Per
bonodoro kun fier'
allogas
kolora prosper'.

Sur
monto ili kun plezur'
ne timas
premon de natur'.



**Dekses-Silabo (ĉine: Shiliuziling): ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## François Coppée (1842-1908)*



### La lignoŝuoj de la etulo Volfo

Iam, – tio okazis antaŭ tiel longe, ke ĉiuj forgesis la daton, – en urbo de la norda Eŭropo, – kies nomo estas tiel malfacila por prononci, ke neniu memoras pri ĝi, – doiam estis sepjara eta knabo nomata Volfo, gepatra orfo, kiu ricevis vivtenon de maljuna onklino, iu malmolkora kaj avarema virino, kiu nur kisis sian nevon la Novjartagon kaj eligis grandan bedaŭran sopirĝemon ĉiufoje, kiam ŝi verŝis al li pelvetoplenon da supo.

Sed la kompatinda etulo estis tiel bonanima, ke tamen li amis la maljunan virinon malgraŭ, ke ŝi timegigis lin. Li ankaŭ ne povis sentremante rigardi la dikan verukon, ornamita de kvar grizaj haroj, kiun ŝi havis ĉe la nazpinto.

Ĉar la onklino de Volfo estis konata tra la tuta urbo por havi bonan staton kaj plenan malnovan lanoŝtrumpon da oro, ŝi ne aŭdacis sendi sian nevon en la lernejon de la malriĉuloj. Sed por obteni rabaton, ŝi tiom ĉikanis kun la pedanta instruisto, kiu estris la vizitatan lernejon de la etulo Volfo, ke tiu aĉa pedanto, ofendita ĉar li havis en sia institucio lernanton tiel malvestitan kaj pagante tiel malbone, ke li tre ofte puntrudis la kompatindan infanon, spite ĉian justecon, al la portado surdorse de la malnobla tabulo kaj surkape la azenĉapo. Li eĉ incitis kontraŭ Volfo liajn kamaradojn – ĉiuj filoj de riĉaj burĝoj –, kiuj konsideris la orfon kiel sian turmentaton.

La kompatinda karulo estis do malfeliĉa kvazaŭ la vojaj ŝtonoj kaj sin kaŝis en ĉiujn angulojn por plori, kiam okazis la Kristnaskaj festoj.

La antaŭatagon de la granda festo, la instruisto devis konduki ĉiujn siajn lernantojn al la noktomeza meso kaj rekonduki ilin ĉe iliaj gepatroj.

Nu, ĉar tiun jaron la vintro estis tre rigora, kaj ĉar de pluraj tagoj, granda kvanto da neĝo falis, la lernantoj venis al la rendevuo varme vestitaj kaj enpeltigitaj per peltoĉapoj enprofundigitaj ĝis la oreloj, duoblaj kaj trioblaj jakoj, trikitaj gantoj kaj duongantoj, kaj bonaj dikaj botetoj kun fortikaj kaj najlizitaj plandumoj. La etulo Volfo estis la sola infano, kiu sin prezentis frostotremante nur vestita per siaj ĉiutagaj vestoj, kiuj estis ankaŭ lia dimanĉa vestaro, kaj nur havante surpiede domŝuojn el Strasburgo en multpezaj lignoŝuoj.

Liaj malicaj kamaradoj, vidante lian malgajan mienon kaj lian kamparanan fisintenon, mokadis lin; sed la orfo estis tiom

okupata, ĉar li blovis sur siajn fingrojn kaj tiom suferis pro siaj frostoŝveloj, ke li ne atentigis pri tio. Kaj la bubaro marŝante duope, la pedanta instruisto ĉe la kapo, ekvojiris al la preĝejo.

La temperaturo estis agrabla en la preĝejo, kiu brilegis pro la lumigitaj kandelegoj. La lernantoj, ekscititaj pro la milda varmo, profitis la bruegon de la orgeno kaj la kantoj por duonvoĉe babili. Ili laŭdis la noktajn festenojn, kiuj atendis ilin hejme. Antaŭ foriri la urbestra filo vidis enorman anseron, kiun trufoj punktadis per nigraj punktoj kiel leopardo. Ĉe la unua skabeno estis en kesto malgranda abio, al la branĉoj de kiu pendis oranĝoj, frandaĵoj kaj pulĉilenoj. La kuiristino de la arkivisto alligis malantaŭ sia dorso la du bridojn de sia kufo per pinglo, tio kion ŝi faris nur en siaj inspirotagoj, kiam ŝi estis certa sukcesi sian faman sukeran pladon.

Kaj poste la lernantoj parolis ankaŭ pri tio, kion alportos al ili la kristnaska Paĉjo, kion li demetos en liajn ŝuojn, kiujn kompreneble ĉiuj ne malzorgos lasi en la kameno antaŭ enlitiĝi. En la okuloj de tiuj bubaĉoj, viglaj kiel areto de musoj, anticipe brilegis la ĝojon ekvidi, kiam ili vekiĝos, la rozkoloran paperon de la pralinaĵosakoj, la stanajn soldatojn batalione ordometitaj en ilia skatolo, la lignobestojn kiuj flaros ankoraŭ la vernison kaj la belegajn marionetojn vestitajn per purpuro kaj ormititaĵo.

La etulo Volfo ja sciis, pro travivaĵoj, ke lia avara maljuna onklino sendos lin enlitiĝi ne vespermanĝinte; sed naive, certa, ke li estis dum la tuta jaro tiel saĝa kaj tiel laborema kiel eble, li esperis, ke la kristnaska Paĉjo ne forgesos lin, li ja intencis, post momento, meti siajn lignoŝuojn en la cindrojn de la fajrejo.

Kiam la nokta meso estis finiĝinta, la fideluloj foriris, sopiremaj pri la nokta festeno, kaj la lernataro ĉiam irante duope eliris la kirkon, sekvante la pedagogon.

Nu sub la porĉo sidanta infano dormis sur ŝtonbenko superelstarita per ogiva niĉo, tiu infano estis vestita per robo el blanka lano kaj estis nudpiede malgraŭ la malvarmego. Ĝi ne estis almozpetulo, ĉar ĝia robo estis pura kaj nova, apud ĝi surgrunde oni vidis, ligitajn en serĝo, angulilon, hakilon, duoblan ĉizilon, kaj la aliajn ilojn de la ĉarpentistlernanto. Lumigita de la stellumeto ĝia vizaĝo, kies okuloj estis fermitaj, esprimis dian mildecon, kaj ĝiaj longaj buklaj rufblondaj haroj ŝajnis flamigi aŭreolon ĉirkaŭ ĝia frunto. Sed la vidado de la piedoj de la infano, bluigitaj pro la malvarmego de tiu kruela decembra nokto, suferigis.

La lernantoj, kiuj estis tiel bone vestitaj kaj ŝuitaj por vintro, preterpasis indiferentaj antaŭ la nekonata infano; iuj eĉ, filoj de la plej gravaj eminentuloj de la urbo, ekrigardis tiun vagulon kun rigardo en kiu oni povis legi la tutan malestimon de la riĉuloj pri la malriĉuloj, la grasuloj pri la malgrasuloj.

Sed la etulo Volfo, kiu eliris lasta de la preĝejo, haltis tute emociita antaŭ la bela infano, kiu dormis.

– « Ve! diris al si la orfo, estas terura! tiu kompatinda etulo iras sen ŝuoj en tia akra vetero… Sed, tio kio estas ankoraŭ pli malbone, ĝi ne havas eĉ ŝuon aŭ lignoŝuon por lasi antaŭ ĝi, dum ĝia dormado, por ke la krisnaska Paĉjo enen enmetu ion por mildigi ĝian mizeron! »

Kaj, kompatema pro sia bonkoreco, Volfo demetis la lignoŝuon de sia dekstra piedo, metis ĝin antaŭ la dormanta infano, kaj marŝante kiel li povis, jen saltante unupiede, jen lametante, kaj malsekigante sian domŝuon en la neĝon, li revenis en la domon de sia onklino.

– « Vidu la sentaŭgulon! ekkriis la maljunulino, furiozega, kiam la senŝuigitulo revenis hejmen. Kion vi faris de via lignoŝuo, mizerulo? »

La etulo Volfo ne sciis mensogi, kaj kvankam li tremegis pro teruro vidante hirtiĝi la grizaj haroj sur la nazo de la megero, li balbutante provis rakonti sian aventuron.

Sed la maljuna avarulino eligis timigan ekridon.

– « Ha! sinjoro demetas siajn ŝuojn por la almazuloj! Ha! sinjoro malkompletigas sian paron de lignoŝuoj por iu nudpiedulo!... Ne kredinde! jen io nova!... Nu! se tiel estas, mi tuj lasos en la kamenon la lignoŝuon, kiu restas al vi, kaj ĉi-nokte la krisnaska Paĉjo metos enen, pri tio mi asertas, ion por vergi vin, kiam vi vekiĝos… Kaj vi pasigos la venontan tagon kun nur akvo kaj seka pano… Kaj tiamaniere ni ja vidos, ĉu vi ankoraŭ donos viajn ŝuojn al la unue renkontita vagulo! »

Kaj la malica virino, vangofrapinte dufoje la kompatindan etulon grimpigis lin en la subtegmenton, kie trovigis lia ĉambretaĉo. Malespera, la infano kuŝiĝis en la mallumo kaj baldaŭ endormiĝis sur sia kapkuseno malseka pro siaj larmoj. Sed la postan tagon matene, kiam la maljunulino vekiĝinta pro la malvarmo kaj skuita de sia kataro malsupreniris en la malaltan ĉambron, – ho mirindaĵoj! – ŝi vidis la grandan kamenon plena de brilegaj ludiloj, sakoj de belegaj bombonoj, riĉaĵoj de ĉiuj specoj. Kaj antaŭ tiu trezoro, la dekstra lignoŝuo, kiun ŝia nevo donis al la eta vagulo troviĝis apud la maldekstra lignoŝuo, kiun ŝi metis tien, dum la nokto, kaj kie ŝi sin preparis aranĝi fasketon da vergoj.

Dum la etulo Volfo alkurinte pro la krioj de sia onklino ekstaziĝis naive antaŭ la belegaj kristnaskaj donacoj, jen ekstere eksplodis grandajn ridojn. La maljuna virino kaj la infano eliris por ekscii kion tio signifis, tiam ili vidis ĉiujn klaĉulinojn kuniĝintajn ĉirkaŭ la publika fontŝtono. Kio okazis do? Ho! ja plaĉa kaj ja eksterordinara afero! La infanoj de ĉiuj riĉeguloj de la urbo, tiuj kiujn iliaj gepatroj volis mirigi per la plej belaj donacoj, nur trovis vergojn en siaj ŝuoj.

Tiam la orfo kaj la maljuna virino konsiderante ĉiujn riĉaĵojn, kiuj estis en ilia kameno, sin sentis rigidiĝintaj pro teruro. Sed subite oni vidis alveni S-ron parokestro kun la vizaĝo tute emociigita. Super la benko lokita apud la kirka pordo, ĉe la ejo mem, kie la antaŭtagon infano vestita per blanka robo, kun la piedoj nudaj malgraŭ la akra malvarmo, metis sian dormantan kapon, la sacerdoto ĵus vidis oran cirklon, kiu estis inkrustita en la malnovaj ŝtonoj.

Tiam ĉiuj sin krucosignis devote komprenante, ke tiu bela dormanta infano, kiu havis proksime al si ilojn de ĉarpentisto, estis Jesuo de Nazareto mem, reiĝinta dum unu horo tia li estis kiam li laboris en la domo de siaj gepatroj, kaj ili sin klinis antaŭ tiu miraklo, kiun la bona Dio volis igi por rekompensi la fidon kaj la karitaton de infano.

** François Édouard Joachim Coppée naskiĝis la 26an de januaro 1842 en Parizo, kie li mortis la 23an de majo 1908. Li estis franca poeto, dramaturgo kaj romanisto.*

*Esperantigis*

**Noĉjo Lagrafo (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_